22-a. *Pri la defendado de la eklezio kontraŭ atakoj de framasonoj*, parolados lia abata moŝto RICHARDSON. Apologian paroladon faros D-ro Johano KISS, papa prelato, rektoro de la Budapesta universitato. *Argumentado pri ekzisto de Dio* el vidpunkto de la matematikaj sciencoj, traktos C. VÖRÖS. Posttagmeze ekskurso sur monton tielnomatan Svabhegy.

23-a. Je la 8-a st. meso. Fermo de l' kongreso. Poste Ekskurso en Esztergom, rezidenca urbo de lia Eminenco la primato-ĉefepiskopo de Hungarlando.

La esperantistaj gazetoj jam dissendis la aliĝilajn poŝtkartojn. Ni tre petas la aliĝontojn, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sciigi nin pri siaj intencoj, por faciligi la preparajn laborojn.

Adreso: Kongreso de Katolikaj Esperantistoj, Budapest. Katholikus Szövetség. IV. Ferenciek-tere 7.

*La Organiza Komitato.*

---

## Sciigoj de la Redakcio de E. K.

La redakcio atentigas speciale, ke la Aŭgusta n-ro de E. K. aperos la 1-an de Aŭg. Ĝi ne povas garantii la presadon en tiu numero de sciigoj, alvenantaj post la 20-a de Julio.

La redakcio ricevis lasttempe tiom da leteroj, ke estas neeble ĉiujn tuj respondi, ni do petas pardonon por tiu malfruigo al niaj estimataj korespondantoj; ni respondos kiel eble plej baldaŭ.

---

## Anonima Akcia Societo: Internacia Eldona Societo „Espero Katolika".

La unua ĝenerala kunveno de la Akciuloj okazos dum Nia Tria en Budapest. Loko, tago, horo kaj agendo estos publikigataj en la Aŭgusta numero de E. K.

La akciuloj estas petataj atente legi art. 24 de la Statutoj. Sciigoj pri partopreno kaj rajtigo de anstataŭo devas esti sendataj al la direktoro-redaktoro D-ro SMULDERS, Schijndel, Nederlando.

Jen la artikolo 24 de la Statutoj:

ART. 24.

Pri partoprenado en ĝenerala kunveno, oni devas antaŭe sciigi la Direktoron, kiu en la publikigo aŭ alvoko estas por tio nomata, same kaj precipe tiam, kiam oni ne persone partoprenos sed estos reprezentata de rajtigito.

Ĉiu akcio rajtigas al unu voĉo, sub la jena rezervo, ke neniu, nek por si mem, nek kiel reprezentanto de aliaj akciuloj, donos pli ol ses voĉojn.

Anstataŭigo per skriba rajtigilo estas permesata, kondiĉe, kiel jam estas dirite, ke la rajtiginto antaŭ la kunveno skribe pri tio sciigis la Direktoron por tio nomatan; nek la Direktoroj, nek la Komisaroj rajtas esti anstataŭantoj ĉe la voĉdonado.

# Kroniko de I. K. U. E.

### Frato Isidoro Clé, Oficiro de la Ordeno de Medjidié.

Frato ISIDORO, la fama paroladisto dum Nia Dua en Hago, kiu estis la oficiala delegito de la Belga registaro ĉe la internacia Porblindulkongreso en Kairo (Egiptujo) kaj kiu tie propagandis Esperanton kiel valoran ilon por la edukado kaj plifeliĉigo de la Blinduloj, tiu ĉi konata blindularapostolo, pro liaj valoregaj kunlaboroj, estas nomita de la Egipta registaro *Oficiro de la Ordeno de Medjidié.*

Niajn korajn gratulojn al tiu simpatia kaj meritplena I. K. U. E.-ano!

### Sacile (Udine, Italujo).

La Direktoro de teknikaj lernejoj kaj la Urbestraro invitis Pastron BIANCHINI fari konferencon pri Esperanto en salono de la lernejoj. Nia amiko parolis antaŭ la Urbestraro, la ĉefaj aŭtoritatuloj, profesoroj kaj studentoj. La konferenco okazis la 17-an de majo kaj nun P-ro Bianchini faras kurson en lernejoj.

Profesoroj kun siaj lernantoj entuziasme partoprenas al la kurso. P-ro BIANCHINI.

Fontanafredda
(Pordenone)
Udine - Italia.

## Belgujo.

Okaze de la IV-a Belga Kongreso Esperantista en Gento dum la Pentekostfesto, la Katolikoj, kun speciala permeso de lia Espiskopa Moŝto de Gento, ĉeestis la S. Meson en la preĝejo de la Rev. Jezuitoj, 36 rue Assaut kaj la predikon en Esperanto de P-ro RICHARDSON, profesoro ĉe *l' Institut St. Louis* en Bruxelles, vic-prezidanto de la Belga Esp. Ligo kaj Prezidanto de I. K. U. E.

La Kongreso bonege sukcesis. Ĉeestis ankaŭ multaj alilanduloj.

---

## Nederlanda Katoliko.

Okazis sukcesega „Esperanto-tago”, grandnombre vizitita, pri kiu ni donos pli detalan raporton en la Aŭgusta numero.

---

## D-ro Aleksandro Giesswein.

(„La Marto” No. 6 (Majo) Redaktejo: Haida, Bohemujo.)

De post la unuiĝo de la estintaj du hungarlandaj esperantistaj societoj estas la gvidanto de la hungarlanda esperantista movado S-ro moŝto D-ro Aleksandro GIESSWEIN. Li naskiĝis 1856 en la urbo Tata, kie li lernis en la subaj gimnazioj, poste li studadis en Wien kaj Budapeŝt.

Li studadis la teologion kaj li fariĝis pastro de la Györ-a eklezia-distrikto en la jaro 1878. — Poste li estis kaplano en Kismarton ĝis 1881. De tiu jaro ĝis 1883 li estis profesoro en la instruista preparandio en Györ. De 1883 ĝis 1897 li estis konsistora notario kaj episkopa sekretario en Györ. Tiam li fariĝis kanoniko en la sama urbo. De la jaro 1903 li gvidas, kiel vicprezidanto, la literaturan societon S-ta Stefano. En la jaro 1905 li estis elektata parlamenta delegito. Krom tio li laboras en la plej diversaj direktoj, kiel prezidanto de la hungarlanda pacifista societo, de la katolika instrua konsilantaro, de la kristana socia ligo kaj de la hungarlanda Esperanto-Societo.

Pri Esperanto li okupiĝas de tri jaroj, — estas konata kiel fervorega propagandisto de nia internacia lingvo. Kiel fame konata oratoro (parolisto) li ekuzas ĉiun okazon por

ekkonigi kaj disvastigi en siaj paroladoj nian mondlingvon. Li partoprenis ĉe la Haga katolika esperanta kongreso kaj Antwerpena kongreso.

Alie li partoprenis ĉe la Londona kongreso por morala edukado kaj rasa kongreso, ĉe la Brusela kongreso por familia edukado, Stokholma pacifista kongreso kaj ĉe la Lugana kongreso por laborista defendo.

Li faris literaturajn verkojn hungare, germane, france kaj latine sur la kampo de la filologio, egiptologio kaj sociologio. Liaj pli grandaj memstaraj verkoj estas „La atesto de Mizraim kaj Aktur" (2 vol.), „Die Hauptprobleme der Sprachwissenschaft", „Sociaj problemoj kaj la krista mondvivado", „Egipto kaj la Biblio", tiuj ĉi hungarlingve, kaj „Metaphysische und deterministische Geschichtsauffassung".

Oni povas esperi, ke dum lia saĝa gvidado la esperantismo en Hungarlando baldaŭ spertos ĝojigan akcepton kaj disvastigadon. Johano PAŬLO.

# KATOLIKA VIVO ĈIULANDA.

## La 23-a Tutmonda Eŭkaristia Kongreso en Wien. 12-a—15-a de Septembro 1912.

*Reprezentanta Komitato por alilandanoj.*

La reprezentantoj de kongresanoj en Wien el fremdaj landoj estas jenaj: Por *Amerikanoj* kaj *Angloj: D-ro K. Mayer*; por *Belgoj*, *Francoj* kaj *Luksemburganoj*: *P. Lebeau*; por *Holandoj*: *P. Forejtnik*; por *Italoj*: Kan. *Delugan* kaj Don *Pallua;* por *Hispanoj:* Don *Lastras;* por *Hungaroj* kaj *Slovakoj:* Mgr. *Drechsler*; por *Poloj:* sup. *P. Kuklinski*; por *Rutenoj*: paroĥ. *D-ro Redkiewicz*; por *Ĉeĥoj: S-ro Päclisan;* por *Kroatoj S-ro Pikarz.*

La misiisto el Ĥinujo *P. Multhy* propagandos dum sia restado en Ameriko tie la Eŭkaristian Kongreson.

*Ekspozicioj en Wien, senpage viziteblaj de Kongresanoj:*

Jenaj ekspozicioj kaj vidindaĵoj en Wien estos senpage viziteblaj de la kongresanoj dum la tagoj de l' Kongreso:

Ekspozicio de religia arto; ekspozicio kateĥiza-liturgia; ekspozicio de fame konataj desegnaĵoj religiaj en „Albertina". — Vidindaĵoj: la ceremoniaj apartamentoj en la imperiestra palaco, la armilejo (Arsenal) kun la muzeo de la armeo, la i. kaj r. arĥivo de la imperiestra familio, de l' kortego kaj de l' ŝtato, la arthistoria kaj la naturhistoria imperiestraj muzeoj, la imperiestra kaj la eklezia trezorejoj en la imperiestra palaco, la muzeo de pentraĵoj en la palaco de la princo Lichtenstein, la historia muzeo de la urbo Wien, la Aŭstria muzeo de arto kaj industrio, la muzeo de Aŭstria folkloro, la imperiestra kaleŝaro, la hispana kortega rajdejo, la domoj de palmoj kaj de sovaĝaj bestoj en Schönbrunn, la katakomboj de la imperiestra familio k. a.

(Oficiale komunikita.)

---

# Portugalujo.

---

## Semana Santa Tragica.

La korespondanto de l' „N. Rott. Crt" (Nova Roterdama Ĵurnalo) [1]) en Lisabono skribis la 6-an de Aprilo 1912:

„Kaj Jezu, ree kriante laŭtvoĉe, mortis.

Kaj jen, la antaŭkurteno de l' Templo disŝiriĝis duparte, de supre malsupren, kaj tremis la tero, fendiĝis ŝtonegoj.

Kaj la centestro kaj tiuj, kiuj kun li gardis Jezu'on, vidante la tertremon kaj la okazintaĵojn, ege timiĝis, kaj diris: Vere, Tiu estas la Di-Filo! (Matt. 27: 50 sekv.)

La disciploj tion proklamis tra la tutmondo .... kaj Kristanismo disvastiĝis, trovis sian potencon en la sangaj arenoj romaj .... kaj kie ajn ĝi aperis, ekvenis civilizacio kaj progreso en malvova-Eŭropo.

---

[1]) Ni rimarkigas, ke la Nova Roterdama Ĵurnalo estas unu el la plej gravaj liberalaj gazetoj Nederlandaj, kies antiklerikalismo estas fama. Des pli rimarkinda estas tiu ĉi letero de ĝia korespondanto, kiu de post la revolucio regule sendis siajn ofte interesajn sciigojn el tiu malfeliĉa lando. *Redakcio.*

Kaj 2000 jaroj pasis, kaj ankoraŭ nuntempe, en ĉiuj civilizitaj landoj, estis la tago, en kiu Kristo suferis sur la kruco kaj mortis, tago de malĝojo kaj de pia meditado.

Sed en malgranda angulo de la Iberisa duoninsulo leviĝis spirito, pli fama sin sentante ol ĉiuj centjaroj! .... Ĝi alportus al la malfeliĉa, trompigita popolo pli altan civilizacion, pli helan lumon kaj laŭtvoĉe ĝi trombonis tra tiu malgranda lando: Ekzistis nek Kristo, nek kruco, nek sufero! Kredo estas trompaĵo por elsuĉi la naivan popolon. Mi, mi Alfonso COSTA elradikigos, dum du generacioj, tiun fikreskaĵon, tiun kredon, kaj mi heligos la mallumon, de post jarcentoj kuŝantan sur viaj animoj .... For, for tiu kruco, for tiu Kristo, for tiu dieco .... Mi estas la nova diaĵo! .... Vivu la penslibereco. Kredu vi je mi!"

Li formetis sankt-tagojn, forpelis la pastrojn, akaparis posedaĵojn ekleziajn .... faris sian leĝon, apartigantan de l' ŝtato la Eklezion kaj opiniis, ke nun li estis renversiganta la eklezion, malkonstruanta kaj elradikiganta ĝin. Kredi je alia diaĵo ol je li, fariĝis krimo.

Belega estas la unua bildo de la „Riduculos" de la 3-a Aprilo.

En dezerto, super kiu flugas nuboj nigraj, staras trankvila preĝejo fortikega. Klopodas Alfonso COSTA kaj lia juĝ-ministro MACIEIRA per dika ŝnuro renversi tiun preĝejon (la kredon). Malantaŭe firidas la diablo, dirante: Simplanimuloj! Kiamaniere volas vi efektivigi en 2 jaroj tion, kio ne sukcesis al mi en 2000 jaroj!

Semajno sankta!

Multaj pastroj estas forpelitaj, preĝejoj estas eksposedigitaj kaj procesioj malpermesitaj .... Dum unu jaro kaj duono ĉiuj, kiuj iris preĝejon, suferis je insultoj, je perdo de monaj enspezoj, je malsato kaj doloro, eĉ estis ili malpurigitaj je koto, tamen ne sukcesis Alfonso COSTA mortigi la kredon je Kristo, la Kristanismon mem ....

Alvenis la tagoj doloraj de Kristo kaj oni funebris, funebregis. En pasintaj jaroj multaj vestis sin je funebraj vestoj kaj sekvis la procesiojn. Ĉi tiu jaro estis triobla la nombro de funebre vestiĝintoj ... pli nombraj estis ili ol iam ...

De Jaŭdo ĝis Sankt-Vendredo tagmeze, ĉiuj, sinjorinoj same kiel sinjoroj, vestas sin je nigraj vestoj.. funebramaniere. Bone mi sciis, ke la urbo ne plu estis tiel respublika ol tuj post la revolucio.... sed, ne povis mi supozi ke, malgraŭ Alfonso COSTA kaj sia apartig-leĝo, malgraŭ persekutoj kaj eblaj insultoj, tiom da personoj nigre vestitaj kuraĝus sin montri publike. La kelkaj respublikanoj fanatikaj vestis sin helkolore.... malmultenombraj estis ili meze de l'amaso nigra, kiu movas sin en la stratoj por eniri preĝejojn.

Alfonso COSTA fordekretis tagojn dolorajn kaj proklamis Sankt-Vendredon, labortago. Sed malgraŭ li, liaj volo kaj perforto, fermiĝis Jaŭdon je la unua ĉiuj bankoj, ĉiuj oficejoj kaj (escepte tre malmultaj) ankaŭ ĉiuj magazenoj kaj eĉ restis ili fermitaj dum la tuta tago, Sankt-Vendredon.

Ne povas oni memori, ke iam la preĝejoj estis pli plenaj.

Tra la stratoj moviĝis miloj da nigre vestitaj personoj, de preĝejo al preĝejo, kvazaŭ ili volus, silente sed minace, protesti kontraŭ la agadoj de Alfonso COSTA, kontraŭ lia elradikigo de la Kristanismo en Portugalujo.

Estis vere kortuŝante! kaj samtempe majeste. Plej malriĉuloj, tamen vestitaj je tiom da nigraĵo, kiom permesas al ili elspezoj iliaj, same kiel plej riĉaj gesinjoroj funebre vestitaj, ĉiuj tra la larĝe malfermitaj pordegoj, en- kaj eliras preĝejojn, kiuj restas por la Portugalanoj, por la tuta katolika nacio, la Domo de „Senhor".

Eĉ ĵurnaloj respublikaj subiris la impreson. La respublikanoj silentiĝis, mirante tiom da kuraĝo sentima, per kiu la Portugalanoj, spite ĉiuj defendoj, montris sian kredon.

Tuta tiu agado demonstrativa denove pruvis de l' apartig-leĝo la malsukceson.... vangofrapego por la reĝodiaĵo Alfonso COSTA. Je propra honoro disŝiris li duparte, de supro malsupren, la antaŭkurtenon de l' kredo Kristana, je propra honoro, kontentiĝo kaj venĝemo. Sed la teron tremigi kaj ŝtonegojn fendigi ne povas li, ne pli ol tremigi la kredon en koroj portugalaj. Ne pli povas li fendigi ŝtonegojn, ol el koroj de l' Portugalanoj la kredon elŝiri.

Lia venĝemo kaj persekutoj fortigis la kredon en tiuj

koroj, tiel same kiel la torturoj en la sangaj arenoj romanaj.

***

Tragedia Semajno Sankta, skribis mi ĉi supre.

Tragedia estis tiu Sankt-Semajno por tuta Portugalujo... sed plej tragedia ĝi estis en „Chamusca" apud „Santarem", urbeto, kiu estis tria en lando por aklami la revolucion kaj pravigi la respublikon. Urbeto de respublikanoj, sed de respublikanoj katolikaj!

Dum tiu jaro kaj duono sanĝiĝis tie multo. Per la apartig-leĝo alportis la respubliko tro grandan malkontentiĝon. Respublika oni tie estas, tamen ankaŭ katolika! De post la tago, kiam la respubliko proklamis, ke esti katolika kaj kredema fariĝis krimo, oni turnis dorson al tiu respubliko, same kiel en tuta la lando. Kaj en Chamusca tio esprimiĝis. Malnova la kutimo por iri procesie Ĵaudon vespere je la naŭa fariĝis neebla per la apartig-leĝo, kiu malpermesas procesiojn kaj devigas fermi la preĝejojn je sunsubiro, escepte je speciala permeso. Antaŭ tri monatoj jam petis kaj recevis komisio permeson por tamen okazigi tiun procesion. Sed, je la lasta momento, la „Klubo Respublika" telegrafe petis al la registaro, ke ĝi malpermesu tiun procesion, ĉar ĝi povus okazigi tumultojn. Post tio registaro rifuzis permeson.

Ĵaŭdon vespere je la naŭa iris popolamaso de pli ol 3000 personoj al la preĝejo de „Senhor da Misericordia" kaj postulis, daŭre kriante: „Vivu la respubliko, sed super ĉio vivu la „Senhor da Misericordia"! malfermigon de tiu preĝejo. Jam en tiu momento inter la kreduloj estis ĵetata bombo, sed, anstataŭ timiĝi, oni furioziĝis. Ĉar troviĝas, post sunsubiro, ŝlosiloj de l' preĝejo ĉe la urbestraro, oni perforte rompis pordon de l' preĝejo, kaj baldaŭ poste iris procesio (rapide formiĝinta) tra la strato en impresiga ordo.

La ankaŭ fermitaj pordoj de l' preĝejoj de S. Pedro kaj Senhora dao Dores (Patrino de l' Sep Doloroj) estis perforte malfermitaj, dum oni kriadis: „Eniru ni la Domon Sinjoran!" Post sanktul-bildoj iris oni procesie ĝis la placo de Joao de Deus, kie troviĝas la „Centre republicano".

Tie ĉe l' fenestroj trovis sin anoj de la Klubo, kiuj, tenante ĉapelojn sur kapoj, diris: „Vivu la apartig-leĝo, for kredo, for reakcio!"

Respondis amaso: „Vivu nia „Senhor da Misericordia!" For ŝuistoj, kiuj volas regi nin! Demetu ĉapelojn, herezuloj!"

Subite estingis lumon la klubanoj kaj ĵetis bombon al unu el la Sanktul-bildoj. Fariĝis panikego. Ĉiuj ĉirkaŭis tiun bildon, miloj da brakoj klopodis por protekti ĝin, dum klubanoj pluvigis kuglojn sur la amason.

Ĵurnal-vendisto, Joao PADIERO, kiu protektis la bildon per sia korpo, falis morte trafita de kvin kugloj. Granda nombro da personoj estis vunditaj pli-malpli grave.

Sed kunprenante mortinton kaj vunditojn antaŭen iris la procesio, dum post kaj super ili daŭradas pafado inter klubanoj respublikaj kaj furiozaj urbanoj.

Dume la procesio antaŭen iradis, perforte malfermante ĉiujn preĝejpordojn fermitajn....

Dume granda amaso iris al la domo de l' respublika urbestro kaj postulis, ke li klubanojn respublikajn malliberigu, sed kiam la soldatoj alvenis, la klubanoj havis (kiel kutime) tempon forkuri.

Hieraŭ matene (Sankt-Vendredon) ripozo estas reveninta, kaj Sanktul-bildoj ree troviĝas en la preĝejoj.

Malliberigis urbestro ĉirkaŭe dudek klubanojn respublikajn, tamen montriĝis, ke dekono da ili forkuris Lissabonon, kie ili alvenis „sendanĝerigitaj" kaj formis komision, por postuli la eksigon de la urbestro kaj tujan liberigon de la aliaj klubanoj (sic). Ne bezonas ili maltrankviliĝi.... tut-certe oni ne persekutos ilin....

F-ino M. BORRET.

(Tradukita el Nederlanda lingvo.)

# Bibliografio.

Preparante tiun-ĉi bibliografion, ni senĉese memoros la klarajn kaj klarigantajn vortojn de la „Gravega Avizo“ de nia althonorata abato Richardson, kiujn ni estas legintaj en la Marta numero:

Esperanto estas lingvo, kaj per lingvo oni povas skribi kaj presigi, ne nur bonajn, sed ankaŭ malbonajn verkojn. La sankta Eklezio, kiel bonega Patrino, absolute malpermesas al siaj infanoj la legadon de malbonaj presaĵoj, sen speciala permeso.... Presaĵoj povas esti malbonaj je du vidpunktoj: ili povas esti kontraŭ la fido, aŭ kontraŭ la bonmoroj. La Katolikoj ne povas, sen peko, legi ĵurnalojn, librojn k. t. p., kiuj atakas aŭ insultas la Katolikan religion aŭ ĝiajn ministrojn. Ni jam rimarkis en kelkaj esperantistaj gazetoj tre malagrablajn kaj eĉ malpiajn paragrafojn. Kelkfoje ni legis artikolojn, romanojn k. t. p., kiuj, je la vidpunkto de la kristana ĉasteco, tute maltaŭgis. El tiuj faktoj ni devas konkludi, ke ni, Katolikoj, tute ne povas legi, kaj lasi inter la manoj de niaj infanoj ĉiujn esperantistajn presaĵojn. Kiel por aliaj lingvoj, tiel tute same por Esperanto, la Katolikoj devas esti tre singardemaj.”

### Rusa biblioteko — no. 2.

*Du Rakontoj* de A. Ĉeĥov — tradukis B. Kolzin Moskva librejo „Esperanto”, 26 Tverskaja, Moskvo 1911, sm. 0.10.

La unua rakonto „Veto” estas kurioza kaj interesplena historieto pri iu malprudenta juristo, kiu vetis, ke li estus suferinta dek-kvin jarojn de sia vivo malliberigon en kazemato. La dua rakonto „Ŝi volas dormi” malbonigas la libreton. Varnjo, nefeliĉa servistino, tro laboro-ŝarĝita, sufokas ĝenantan infanon, pri kiu ŝi estas gardistino, por ke ŝi-mem povu dormi iom. La aŭtoro reprezentis tiun mortigon kvazaŭ naturan, kaj tute ne abomenan aferon.

### Malgranda biblioteko no. 1.—a.

*Trezoroj de la Rajaho. — Premoj. Hungar-Kronika bildo. Humoraĵoj.* Prezo 0.15 sm. Eldonaĵo de „Hungara Studento”.

Titolego de tre eta libreteto! 30 paĝ. de duodecima formato.

Orienta fabelo. La enhavo estas senkulpa, sed la lingvo estas Esperanto ŝimharata. Kio signifas, ekzemple: „Oni silenti?" (paĝ. 6.) — „La rahajo por koni neniu la sekreton de pagodo krom li, venenis sian favoratulon."? — (paĝ. 6). „Sur iliajn vizaĝojn"? — (paĝ. 12). „La doloron ne devas montri."? k. t. p.

*Raymond di Rienzi. Tra Belglando, Nederlando kaj Anglalando per Esperanto.* Prezo 0.02 sm. Universala Esperantià librejo — 10. Rue de la Bourse, Genève.

Burgonja Federacio de la esperantistaj grupoj organizas ĉiujare konkurson pri vojaĝstipendio. La stipendiulo havas rajton vojaĝi, senkoste, dum du semajnoj, tra Eŭropo — parolante nur en Esperanto kaj ĉie uzante la servojn de la delegitoj de U. E. A.

La libreto ĵus nomita estas aventura raporto de la dua vojaĝinto. Nur kelkaj esprimoj malbeligas ĝin. Oni neniam profanu; sed sanktaĵojn oni pritraktu sankte.

*La Idilio ĉe la fonto de Venchieredo* — tradukis A. TELLINI — Bologna 1910 Esperanta Oficejo — Vallescura 11, prezo 0.25 Sm.

Estas unua parto de la trivoluma romano de Ipolito Nievo: *„El la memoraĵo de okdekjarulo";* tro morliberema por ke ni rekomendu ĝin.

*Esperanta Muzeo, n-ro 1, 2.*

*Ondino*, de Frideriko Barono de la MOTTE FOUQUÉ — le la germana originalo tradukis K. MYSLIK — prezo 0.50 Sm. Wien IX. A. SCHÖNFELD, Universitätsstrasze 8.

Pastro MYSLIK, vilaĝa pastro volante laŭpove servi nian noblan movadon, komencis traduki Esperanten el diversaj lingvoj. Bedaŭrinde, ni ne povas gratuli lin je lia unua elekto. Ondino ne estas laŭ moderna gusto. Tro neverŝajna, tro nereala, tro tedega por nia aŭtomobilanta tempo.

*Esperanto Biblioteko internacia* — Berlin. Esperanto Verlag — MÖLLER kaj BOREL. *No. 12. Reaperantoj* — tradukis O. BÜNEMANN.

Nur unua akto de la familia dramo (Gespenster) de Henrik IBSEN, famekonata norvega aŭtoro. Mem en sia propra patrujo la rektepensuloj agadis kontraŭ tiu-ĉi verko. En Anglujo oni salutas ĝin i. a. kiel: stratdefluejo malfermita, sangelfluanta vundo volege nebandiĝita, leprejo havanta pordojn kaj fenestrojn malfermitajn.

*La lasta Usonano* — *No. 20* de la sama biblioteko — tradukis LEHMAN WENDELL.

Estas averto al Usona popolo, kiu ne posedas vivon nacian, ĉion prunteprenante — literaturon, arton, muzikon, vestojn k. a. al eŭropaj nacioj. La formo estas spritega. Tri Persoj estis vizitantaj en 2951 Usonon, teron forlasitan, senpopolan, malaperintan jam de dek-unu jarcentoj kiel nacio. „La lasta Usonano" titoliĝis la taglibro de ĉi-tiu vizito.

Rekomendinda legaĵo.

H. LINNEBANK.

UDEN (Nederlando).

---

Aperis belege ilustrita **Gvidlibro tra Budapest,** senpaga por anoj de Nia Tria. Prezo por ne-anoj 2 int. resp. kuponoj (50 helerojn), mendebla ĉe la sekretario de Nia Tria, Budapest, Üllöi-ut 59.

*Esperanto*, oficiala organo de U. E. A. Jubilea numero (20 Junio 1912), 10 rue de la Bourse, Genève (Svisujo). Enhavo: Jubileo de Esperanto, Redakcio; El la historio de Esperanto, Edmond PRIVAT; El la biografio de D-ro L. L. ZAMENHOF, Leono ZAMENHOF; Jubilea recenzo, VERTO; la jubilea Kongreso de Esperanto.

*La Revuo*, internacia monata literatura gazeto, Hachette kaj K-o, 79 Boulevard St. Germain, Paris. La *Julia* numero enhavas detalon kaj tre objektivan historion de la Administra Komitato de la Centra Oficejo Esperantista. Tiuj, kiuj plej objektive volas informi sin pri la grava demando pri la kotizo de la Rajtigitaj delegitoj, devas legi tiun rezuman kaj klarigan artikolon.

D-ro SMULDERS.

---

# MIKSAĴOJ.

**La jena Artikolo aperis en la „Catholic Times" (angla katolika ĵurnalo) la 12-an de Januaro.**

„Korespondanto sendis al ni, kune kun siaj propraj rimarkoj, la „*Observer and West Sussex Recorder*", kiu enhavas esence la jenan artikolon: Oni donacis al Doktoro RIDGEWAY, Anglikana Episkopo de Chichester (Anglujo), Episkopan mantelon (angle - „cope") kaj mitron: „ĉi tiajn belegajn paramentojn de la Episkopeco, kiajn la Episkopoj Chichester'aj ne uzis de post la Reformacia tempo". Ili (la paramentoj) estas asekuritaj por 5000 spesmiloj. Unu sola ŝtono — sendita de iu, kiu deziras restadi ne-konata — kostis 600 spesmilojn. La Dekano HANNA, kiu faris la donacon je la flanko de la pastraj kaj laikaj kotizintoj, diris ke granda nombro de paroĥoj (345) kotizis en la donacon, kaj ke do la nombro da individuoj (kiuj mondonacis) estas tre granda. La okazintaĵo sendube karakterizas la emon de la nuntempa religiaj sento kaj penso inter iu aro de Anglikanoj. Se la mondonacintoj ĉi tiamaniere pensis montri la samecon de la nuna Anglikana Eklezio kun la antaŭ-reformita (sic!) Eklezio, ili certe sentis, ke iliaj penoj ne estis efikaj, aŭdante la dankan paroladon de la Episkopo, kiu diris, (hezitante kaj nedecide kaj tre malsame de Katolika Episkopo): „ke li uzus la paramentojn nur kiam la Vikario aŭ Preĝoficistoj de iu paroĥo tion petos, sed ne alie, ĉar li tute ne volas enkonduki ĉi tiajn aferojn en kongregacion, kiu ilin ne ŝatas".

Patrick PARKER.

La 17-an de Jan. 1912-a. Kilmyshall.

# Paska Vespero.

. . . . En ĉiu sonorilo, kloŝakordoj transĵetis siajn ĝojajn litaniojn; ĉe kafejoj manilkartoj sin prokrastis pli malfrue ol kutime; poste, per dezertaj stratoj de Asnières [1]) lasta

[1]) Ĉirkaŭaĵo de Parizo.

kanto — sensprita kaj ŝanceliĝa kanto de ebriulo — resonis en nokto . . . . Post tio, pluvo densa, dika, malvarmega, falis, droniganta ŝoseojn.

En pastrodomo, kiel aliloke, de longa tempo ĉiuj personoj dormis. Pastro, post preĝoj finitaj, estingis sian kandelon; maljuna servistino returneniris en sian ĉambreton; hundo ronkis apud forno, kuŝinta ringforme.

Subite, en murmuro de ekpluvego, voĉo plilaŭtiĝas, kiel ĝemo: oni batas vitraĵon; unue ekbatojn ŝanceliĝajn, poste pli fortajn. Hundo blekis, pastro vekiĝas, eklumigas, ellitiĝas, metas sutanon, ŝuojn, kaj malsupreniras, malfermetas pordon . . . .

Tie staras knabineto, ŝovkaŝita apud la muro, glaciigita. Estas knabineto dekjara; ŝalaĉo el griza lano, trempita per pluvo, kovras ŝian kapon de infano malsaneta kaj senkolora; robaĉo el flava katuno, fluetanta akvon, konfesas malfortecon de ŝia silueto. . . . .

— Ĉu vi estas la pastro? ŝi ekdiris, ekvidante pastron.

— Jes, mia infaneto, kio estas?

— Jen: mi venis vin serĉi. Estas por mia frato, kiu estas en danĝero de morto, kaj, ĉar li komuniiĝis por la unua fojo dum la lasta jaro, li deziras vidi vin.

— Nu! eniru por momento, varmigu vin tie, mi revenos kaj vin sekvos baldaŭe.

Subite, vizaĝo de infano klariĝis.

— Estas vere, sinjoro? vi venos?

— Kial mi ne iros?

— Paĉjo diris, ke pastro ne elirus per vetero tia.

— Via patro eraris; pastro iras kien oni alvokas lin.

Dum knabineto revarmigas siajn malvarmegajn membrojn en malsupra ĉambro, pastro rapide pretigas sin kaj prenas Viatikon . . . .

Jam ekstere:

— Ĉu vi havas armilon? demandas la knabineto.

— Ne. Kial?

— Ĉar ni iros malproksimen kaj lando sendanĝera ne estas.

— Kien do vi kondukas min?

— Mi ne povas diri tion al vi; oni malpermesis tion al mi . . . .

Ĉu tio estas embusko? Bah! per helpo de Dio! Pastro, fortika viro, ne timas. Li estis marista oficiro; iam estis vikario en kvartalo Mouffetard [1]); li vidis aliajn aferojn!

Ili estas sur dezerta vojo, kiu senfine enŝoviĝas, al nekonata loko; sub sia granda pluvŝirmilo el densa tolo, la pastro, gvidita de la knabineto, kiu rifuĝas apud li, vipita per torenta kaj blindiganta pluvo, kiu ĉiam falas, akcelas la paŝadon, enŝlimiĝas en koto. Lastaj domoj de „Asnières” malaperis: ĉirkaŭe estas malgaja izoleco . . . oni estas en ebenaĵo de „Gennevilliers”. Duonhoro, horo elflugas, ĉiam antaŭen iras; kelkatempe tra mallumo fantomoj eliĝas, sekvas ilin dum kelkaj momentoj kaj malaperas; murmuroj plilaŭtiĝas kaj poste ĉesiĝas . . . . . . . knabineto silentas, pastro pripensas.

Baldaŭe, apud la bordo de la vojo, kelkaj kadukaj domoj aperas en nokta ombro; antaŭ unu el tiuj domaĉoj, la knabineto haltiĝas.

— Estas tie-ĉi, ŝi diras.

Per malgranda peno, ŝi malfermas pordon; pastro sekvas ŝin. Ili eniras. Estas stranga kaj malaltega ĉambro, kiun plenigas akra tabako-, vina kaj farmacia odoro; unu viro, ia fortikulo, sidanta sur skabelo, la okuloj konfuzaj kaj malspritigitaj, malrapide fumas sian pipon; ĉirkaŭ tablo, sur kiu lampo fumebrulas, kvar individuoj, havante vidiĝon pendigilan, sin amuzas per ludkartoj, akompanante ĉiun ludbatalon per ekkrioj kaj blasfemoj . . . .

L' alveno de pastro unue ne estas rimarkita; tamen fortikulo sin decidas, metante sian pipon sur la tablon:

— Vi konsentas veni? li diras al pastro.

— Sendube.

— Estas por la knabo, li deziras vidi vin. Sciu, mi ne kredas ĉiujn viajn religiajn opiniojn, sed la patrino kredas ilin, kaj ĉar la infano estas en danĝero de morto, do, vi komprenas . . . . .

---

[1]) Pariza kvartalo, malbone fama.

— Kie li estas?

— Venu . . . . .

Al alia ekstremo de ĉambro, en ombra angulo, la knabo, — infano malfortika, — kuŝita sur mizera kuŝejo, rigardas obstine per siaj okuloj febraj virinon, kiu dolĉe ploras.

Pastro alproksimiĝas, prenas liajn manojn, kliniĝas, mallaŭte parolas al li, kuraĝigas kaj konsolas lin. Post longa tempo, subite starigante sian altan talion, li sin turnas al fundo de la ĉambro, li diras:

— Antaŭ ol foriri, mi tuj estas genuiĝonte por preĝi la bonan Dion pro tiu infano; mi ne devigas iun kuniĝi kun mi, simple mi petas silenton dum kelkaj minutoj; se inter vi iuj estas, kiuj memoras esti estintaj fideluloj, mi estas certa, ke tiuj-ĉi respektos mian preĝon . . . . . . . .

Post tiuj paroloj, pastro genufleksas, kvar ludantoj interrompiĝas, observas lin; unue ili ŝanceliĝas, poste, senbrue leviĝas unu post alia, senĉapeliĝas, ĝenitaj, klinante la kapon kaj restante tie, senmovaj, la brakoj elpendaj, dum fortikulo, kvazaŭ teruriĝita, staras apud muro.

Fine, kiam la pastro finis sian preĝon, benis malsanan knabon, estas forironta unu el kvar individuoj alproksimiĝas kaj etendas la manon al la pastro.

— Vi estas bonkora viro, kaj se vi permesas, ni, ĉiuj kvar, ni vin akompanos ĝis via domo; vi povus fari malbonajn renkontojn!

Kaj pastro revenas al sia domo kun tiu stranga eskorto.

***

Tiu rakonto estas verdira. Ĝi al mi estas rakontita de pastro, al kiu ĝi okazis. Mi bedaŭras ne povi citi lin, ĉar mi ne povas.

René LARA,
trad. Max ROUB.